# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista" (IKUE) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)




Numero 6. 1922 | I. Jarkolekto 1921/22


# La internacia katolika junula movado.

La junularo estas la estonto. Do parolante pri la tutmonda junularo katolika, ni pritraktas la plej gravan problemon de la katolikaj aferoj, la estontecon de l' katolicismo.

Ni pri parolas „movado". La movado venas el la interno, el la koro, el la spirito. Se ni volas fari al ni bildon, ni povas pensi al la akvoringoj sur la surfaco de trankvila lageto, kiuj estis naskigataj de enĵetita ŝtono. La movado enhavas aktivan elementon. Simile, kiel la fluidaĵo fluas de la individuo al la amaso, da l' amaso al popolo, de popolo al la popolaro, tiel ankaŭ la movado. Fine, la movado havas la inklinon, doni al si mem konkretan formon, organiziĝi kaj agi en orda maniero.

Kiel la plantoj ne staras izole sur la superaĵo de l' tero, sed tuŝas sin kun la radikoj, nutriĝas komune, kreskas kune, tiel ni homoj estas interligataj en la fundo kaj perradikataj unu kun la alia. Tio estas la psikologia fundamento de la „movado" kaj la kaŭzo de ĝia divastiĝo.

Ĉiu movado naskiĝas el la tempo; tio volas diri, ke ĝi estas la infano de l' epokaj bezonoj. Ĝi estas nutrita per la tempaj cirkonstancoj.

Ĝi puŝas antaŭen la historion. Tiel ĝi estas la moviga forto de la progresso, se oni gvidas ĝin bone kaj ĝuste. La movado ekvekas tion, kio dormetas en la epoko kaj donas al ĝi realecon.

Ĉefa signo de la nuna tempo estas sendube la internacieco de la diversaj fluoj kaj movadoj. Eble la troigita nacieco estas ĝuste interna pruvo por la internacieco, ĉar forta agado alvokas ĉiam kontraŭagadon. Mi memorigas la internaciajn frontojn de la komunismo, de la socialismo, de la materialismo en iliaj diversaj formoj ktp.

La modernaj transportiloj kaj transportinstitucioj favoregas la interŝanĝon trans la landlimoj. Ŝajnas, ke per tio la malproksimecoj iom post iom preskaŭ malaperas.

La naciaj spiritbataladoj en la plej diversaj regionoj estas nur eltranĉaĵoj el la internaciaj bataladoj. Ne estus tro malfacile konstati la internaciajn rilatojn de la okazaĵoj de 1918.

Rilate al la interŝtataj kunligiĝoj sur la diversaj agadkampoj, niaj kontraŭuloj longtempe jam superas nin. Estas do ne tro frua, organizi internacian katolikan fronton per la naciaj katolikaj organizoj. La tempaj fenomenoj kaj la epokaj necesecoj urĝas nin pli kaj pli.

Tiu ĉi neceseco naskigis do antaŭ unu jaro en Hago feliĉe la organizon de la Internacio Katolika. Necesega parto de la Ika estas sendube ankaŭ la internacia katolika junula movado.

Ekzistas jam multe da nekatolikaj internaciaj junulaj asocioj. La plej grandan bruon faris almenaŭ dumtempe la komunista mondjunularo. Ĝi ricevis fortan akcelon per la ekfondo de la komunisma ĝenerala sekretariejo en Zürich. Je ĝia flanko staras la socialista internacia junula movado kun multe disvastigata kaj tre influa organo. Ankaŭ la tre junulema movado de la „Skoltoj" subtenas internaciajn interrilatojn. En ofte ideala maniero tiu ĉi movado interkonigis la diversnaciajn junulojn. Tiel formiĝis plenvaloraj internaciaj interrilatoj.

Fine mi volas ankoraŭ nomi la plenpotencan internacian protestantan „unuiĝon de la kristanaj junaj viroj". En niaj rondoj tiu ĉi unuiĝo estas konata speciale pro ĝiaj agadoj en katolikaj landoj dum la mondmilito. En kelkaj lokoj la ekleziaj superuloj devas sin defendi fakte kontraŭ ĝiaj influaj laboroj.

Tiu ĉi organizo ekzemple havis jam en la jaro 1913 8500 unuiĝarojn kun pli ol 986.000 membroj kaj kun valorobjektoj por ĉirkaŭ 300 milionoj da markoj. La ĉefcelo de la asocio estas, unuigi la junulojn, por disvastigadi la regnon de la majstro.

Jam la ekzistado kaj la agado de tiu ĉi diversaj nekatolikaj internaciaj junulmovadoj postulas senkondiĉe okupadon de la katolikoj en simila direkto. La motivoj, kiuj tiujn internaciajn organizojn kunigis, valoras tre ofte ankaŭ por ni.

Antaŭ ĉio estas la internacieco de la problemoj, je kiuj la organizoj laboras. Krom tio venas ankoraŭ nombro de aliaj motivoj por la vivigo kaj la larĝigo de la internacia katolika junula movado, kiu jam ekzistas ĝerme en Moka.

Tiu ĉi katolika mondjunularo helpos ideale realigi la deziregatan repacigon de la popoloj. Ni povas observi jam hodiaŭ belajn kaj esperplenajn komencojn.! Estas nia sankta devo, saluti kaj kuraĝigi tiujn ĉi inklinojn feliĉajn. La homa societo de hodiaŭ devas, konsiderante la repacigon de la popoloj, meti la esperon antaŭ ĉio sur la junularo.

La internacia junula organizacio estos plenpotenca ligo de la katolika junularo. Ĝi konstruos la kanalojn por la reciprokaj esprimoj de la pensoj. Je tiela maniero la venontaj gvidantoj de la popoloj ricevos jam frue reciprokajn rilatojn kaj lernos ekkoni unuj la aliajn. Kiom da malkomprenaĵoj oni povas tiamaniere sufoki jam en ĝermo, kiom da homogenaĵoj oni eltrovos, kiom da reciprokaj suspektoj malaperos kiel la neĝo per la suno! Influoriĉaj amikecoj ekkomencos per tiuj ĉi internaciaj rilatoj de la junularo. La feliĉo de l' paco estos la heredaĵo de la nomitaj rilatoj. La organizata katolika mondjunularo kreos larĝan kaj prudentan spiritan horizonton. Ĝi profundigos la komprenon pri la katolikeco de nia sankta eklezio. Poste la patraj vortoj de la sankta patro pri la popolrepacigo trovos pli akceptkapablan teron ankaŭ ĉe la gvidantoj de la popoloj.

Plue, la sana optimismo de internacie ligita katolika junularo estos la multsopirata sanigo por la laca, dissŝirita mondo de hodiaŭ. Tiu ĉi bezonas fortecon, konfidon, junuligon, ĝojon kaj feliĉon. La katolika junularo estas en la posedo de ĉiuj ĉiuj belegaj fortvirtoj. Ĝia komuna patrino, la sankta eklezio, donacas al ĝi la nomitajn donojn. Kaj la junularo prenas la donacojn kun energia mano por disdoni ilin al la aliaj. Estas do la majesta privilegio de nesupersatigita junularo, dediĉi sin al grandaj taskoj abunde kaj senretene. Per tio ĝi reekflamos por la samaj idealoj tiujn homojn, kiuj per malĝojaj spertoj perdis la kuraĝon.

La plej bela tasko de la junularo katolika konsistas do antaŭ ĉio en la fortplena agado por grandaj idealoj. Tie povas disvolviĝi la agaddeziro de la fajra koro. Cu ekzistas pli bela laborkampo ol la laboro kaj la batalado por la disvastigado de la katolika kulturo? Disdoni al aliaj la propran altfeliĉon faras pli feliĉa la doninton. Labori por la disvastigo de la katolika mondkulturo estas la samo, kiel disdonaci al aliaj sian feliĉon por esti mem pli feliĉa.

## La okulblendo.

(Imitaĵo.)

Mi ĵus renkontis la diablon, ĉe la angulo de la Karmeliterplatz.

Li estis elegante vestita, fergrizan superveston kun verda stelo en la butontruo, molan kolon, pantalonon kun korektega faldo, ŝuojn „Richelieu", silkajn ŝtrumpetojn ...

Kion ci faris tie ĉi? ... Mi diras al li, ĉar ni diras „ci" unu al la alia.

Mi observas ĉiam Ika ...

Ĝi do malkvietegas cin iomete?

Ho! Tiel iomete! ... Li mokdiras kun sarkasma tono.

Sed trans lia monoklo el blondkolora testudaŝelo, mi surprizis la mensogon en lia okulo.

Li ekmarŝis kun mi.

Laboru tiel fervore kiel vi volas, mi vin ĉiujn premas je la gorĝo! ... Viaj klopodoj min amuzas ... Viaj kongresoj dolĉe min ridigas. Ĉu vi vidas ĉi tiun pugnoforton ...? — Li montris al mi siajn ostajn fingrojn. — Ili donis antaŭ la okulo de la katolikoj blendon, kiu ne foriĝis depost tridek jaroj ... Ho! Mi scias, mi! ...

Nerve, per lia bastono, li montris al mi la trairantojn: Rigardu ... tiun elegantan sinjoron? ... Li havas mian okulblendon! ... Li estas katoliko ... ĉu bone ci aŭdas? ... Katoliko ... nu li restas indiferenta pri Esperanto, li rigardas ĝin kiel lian unuan pantaloneton ... Internacia lingvo artefarita! Kia utopio! ... Ĉu ni ne havas nian patran lingvon? ... Ĉu ĝi ne sufiĉe estas parolata tra la mondo, la belsona lingvo de nia patrujo? ... Ĉu katolikoj bezonas tiuspecan lingvaĉon? ...

La okulblendo!

Post kelkaj paŝoj, juna virino nin preterpasis. Ĉu ci vidas ŝin? ... Ŝi ĉeestas ĉiutage meson ... Ŝi estas sekretariino de iu internacia ligo ... Ĉu ci aŭdas? ... de internacia ligo! ... La unua ŝi estas, kiu levas la ŝultrojn, kiam vi rakontas al ŝi pri la utilo de Esperanto por la katolikaro kaj por la internacia kunlaborado ... Ĉu oni serioze pripensas Esperanton? ŝi ironie demandas. Kiel ajn estas, mi atendas. Kiam ĉiuj ĝin uzos, tiam mi ankaŭ lernos tiun lingvon ... Kial mi riskiĝus! ... Krome, adepto unu pli aŭ malpli! ...

Akvaguto! Diras iu el ciaj blindaj katolikoj. Sed ci bone scias, ke se akvaguto estas malgravaĵo, la terura oceano estas farita nur per tiuj akvagutetoj! ...

Ho, la okulblendo!

Ni ĵus alvenis antaŭ esperantista librejo. La okuloj de Satano flambrilis:

Denombru ciajn presaĵojn! ... Nu, ilin denombru ... li kriis.

Mi denombris ... unu ĵurnalon! kaj kelkajn libretojn ... dekduon! ...

Nun, kalkulu la aliajn! ...

Lia mano, per skua movado, montris eldonaĵojn unu post la alia.

Tiu ĉi ĵurnalo kun siaj artikoloj! ... Tiu revuo kun siaj literaturajoj! ... Tiu gazeto kaj siaj komunikaĵoj! ... Tiu ĉi libro! ... Kaj tiu alia! ... Kaj tiu alia! ...

Je la cifero „93" la fingro haltis ... kaj tio estis veraĵo ...!

Pastro transiras ...

Satano lin observis kun speciala atento:

Ek, tiu ĉi ... li havas la okulblendon ... Parolu al li pri Esperanto ... kun kia kompata rideto li cin rigardos! ... Ĉu eklezio bezonas internacian lingvon? Se jes, ĉu ĝi ne havas la latinan? ... Kiel vi povas kuraĝi, proponi al la krista Eklezio lingvon, kiu estas „framasona" lingvo! ... Kaj kiam ci rimarkigas al li, ke la kristana popolo, la humiluloj, ne povas studi tiel malfacilan lingvon kiel la latina, li ridegos ... Ĉu popolo bezonas internacian lingvon? ...

* * *

Satano etendis sian senkarnan manon, kaj per fierega voĉo li al mi diris:

Tiu pastro trairinta! ... ne ... li ne vidas! ... Tion konstatu, Max! ... Li ne atentas miajn klopodojn por disvastigi miajn ideojn per Esperanto ... Li ne atentas, ke ĉiumonate, ĉiusemajne, prekaŭ ĉiutage mi verŝas gutope miajn ideojn de la malamo en la animojn, eĉ en la junulajn animojn, en la infanajn animojn, ĉiuj reaĉetitaj per la sango de l' Aliulo ...

Ho, la okulblendo!

La diablo ekscitiĝis.

Kelkfoje, li ekkriis, mi timas ...

... Kiam mi konstatas la verajn progresojn de Esperanto ... la sukcesintajn kongresojn ... la uzadon de la lingvo por gravaj entreprenoj, por la foiroj ... la proponojn faritajn al la Societo de Nacioj ... la baldaŭan instruon de Esperanto en lernejoj, mi al mi diras: Atentu! ... le katolikoj povus rimarki ĉi tiujn okazaĵojn!

Ili pensos: Sed, kial ni ne utilus Esperanton en niaj entreprenoj, en niaj kongresoj internaciaj? Kial ni ne uzus tiun helpan lingvon? Kial per ĝi ni ne disvastigus nian Evangelion, nian Kredon, niajn kristanajn ideojn en la tuta terglobo? Ĉu ni ne povus fondi tutmondan ligon, per kiu ĉiuj katolikaj fortoj pli facile grupiĝus dank' al tiu nova interkomprenilo? Ĉu ni ne kreus katolikan ĵurnalon redaktitan en Esperanto, kiu povus esti legebla de ĉiuj homoj? ...

Tio ŝajnas tiel natura, ke ... jes! ... Mi ĝin konfesas ... mi, mi timas! ... Kio fariĝus mia imperio

Estas necesege, ke ni interesigu la katolikan junularon por tiu ĉi internaciaj katolikaj agadoj, alie niaj kontraŭuloj allogos niajn junulojn. Kaj ni perdos la valorplenan propran anaron. Ni devas doni al niaj junuloj brulantaj de idealismo kaj kuraĝo laborkampojn, kie ili povas agadi ĝojege. Pro tio ni ligos ilin al niaj grandiozaj taskoj. Kaj ĉio, por kio oni mem zorgas kaj laboras, iĝos karega al la koro de l' zorganto.

La internacia katolika junula movado ekflamiĝos, elkreskos je granda fortoplena organizaĵo, kiu iĝos tre estiminda helpilo por la internacia katolika agado. Per tio ankaŭ ĝi favoras la celojn de la Internacio katolika. Se Ika volas solvi siajn grandiozajn taskojn, la organizo bezonas multajn kunlaborantojn, kaj multaj el tiuj ĉi venos de la katolika mondjunularo. Tie la junuloj jam frue estas enkondukitaj en la komprenon de la internaciaj problemoj. La mondjunularo katolika iĝos speco de rekrutlernejo aŭ, se vi preferas, novicejo de la internacia movado. Kiu ne zorgas por idoj, ne kredas al si mem.

Ni devas eliri el la funesta hipnoto de nia epoko. Kiu povus esti pli helpa ol la katolika junularo brulanta de amo kaj entuziasmo? Kun sia neperebla idealismo la junularo katolika perforte malfermos la sklavkatenojn de la tempmalvirtoj. La junuleco estas pli proksima al la estonteco. Ĉiam ĝi havis instinktan senton por la venonta. Ĝi alportas la entuziasmon, la maljunuloj alportas la pripenseman prudentecon kaj la regulantan retenon. Tial ni ekveku la movadon de la internacia katolika junularo por katolikaj oferagadoj, por kuraĝa antaŭenmarŝo en la internacia katolika defendbatalado kontraŭ la bonorganizitaj kontraŭuloj.

Grandaj epokoj postulas grandajn oferojn kaj profundan sindonon. Gaja oferkuraĝo, senresta sindono kaj fajrega amo por idealoj estas la konstruoŝtonoj de la Moka. Certe, bezona estas granda kaj altfluganta amo, ĉar la junularo devas aŭdeti je la korfrapoj de la aliaj, por kompreni ilin. Kaj la junuloj estas tiel pretaj, kompreni la proksimulojn kaj ankaŭ la plej malproksimulojn, ĉar ili havas ankoraŭ la nedezertigitan kredon al la boneco kaj fideleco de aliaj. Kiom da nobla junuleco estas en ĉiuj landoj de tiala sento kaj sekve preta, agi konforme! Ĝi venos kun ĝoja vizaĝo, se ni alvokos ĝin.

La junularo atendas nin. Ne ni hezitu do pli longe!

La internacia katolika junula movado iĝos ankaŭ plantejo por katolikaj gvidantoj, kiuj volas labori kun la popolo kaj por la popoloj. La organizo serĉos kunlaborantojn, ĝi entuziasmigos, lernigos kaj organizos ilin por la altaj celoj de la katolika kulturo. La apostola agado estos ĝia moto. Ĝi varbos kun sia fervoro por la beleco de la katolika mondrigardado. La organizita katolika mondjunularo sciigos la katolikan kredon al aliaj kaj defendos ĝin kontraŭ la moderna kulturpesimismo. La junularo amas la agadon. Ĝi lasas la pripensadon al la maljunuloj kaj spertuloj. Sed kiam ambaŭ kompreniĝas kaj unuiĝas, tiam estas naskita la harmonia kaj fekunda agado. Tial ni volas kunigi ĉiujn fortojn en unu mondorganizo.

Pripensu ni do, kian potencon povus formi la entuziasmigita junularo de tricent milionoj da katolikoj en la tuta mondo! Kaj kiam tiu ĉi junularo estus ankoraŭ organizita!

Sendube estas eble, atingi tiun ĉi celon almenaŭ ĝis certa grado. Kiam aliaj atingis ĝin, kial ne devus ankaŭ ni atingi ĝin? Nia programo estas pli luma kaj pli raviga ol ĉiuj aliaj. Ĝia interesforto estas pli potenca ol ĉiuj aliaj. Kompreneble ni devas montri ĝin al la junularo en konvena maniero.

Hodiaŭ ni volas agi. Tiam nia espero je pli bona estonteco eklumos kiel matenruĝo super la neĝoblankaj montoj; tiam ekflamegos nia entuziasmo. La ventego de la fekunda ĝojo transmuĝos la malĝojajn popolojn kaj alportos novan printempon, la sopiradon de ni ĉiuj.

Katolika junularo de ĉiuj landoj, fermu la armeojn kaj algvidu kun via orda forto kaj kun via entuziasmiga kredo la oran epokon de niaj plej belaj revoj kaj de niaj plej urĝaj preĝoj! Dio donu ĝin!

Prof. Arnold, prez. de Moka, Zug (Svisujo).

---

de la malamo, se iam la katolikoj, kun sia korkaptanta idealo, sia apostola fruktoporteco, kaj la beno de la Aliulo, uzus kontraŭ mi tiun gravan armilon: Esperanto por disvastigadi la regnon de l' amo, de la justeco, de la krista interfratiĝo.

Sed, mi atentas ... Mi duobligos, triobligos la okulblendon ...

* * *

Satano fierege remetis sian monoklon:

Mi, la anĝelo de la tenebroj, mi ne havas okulblendon ... kaj mi klare vidas ... Ho! tiel klare! ke mi ne preterlasis tiun gravan armilon. Dank' al ĝi, mia parolo estas aŭdita ĉie samtempe en la tuta terglobo. Ĉiu ilo utilas al mi.

* * *

Ni alvenis ĉe la pordo de la domo, kie estas la Ika-oficejo. Satanas ĝin montras al mi, kun grandega malŝato en la fundo de l' okuloj.

Tio! . . .

Sed mi fikse rigardis Goliaton:

La Cenaklo estis ankoraŭ pli malgranda! . . . mi ekkriis al ĉi.

Li respondis per blasfemo.

Kaj mi daŭris:

Malgraŭ la eksterordinara vero de cia tro reala triumfo, mi kredas, ho Satano, la okazontan venkon de tiu, kiu posedas la parolojn de l' eterna vivo kaj de la eterno amo . . . mi kredas, ke la tago venos . . . mi kredas ke la Spirito spiros . . . Tiam la katolikoj fine klare vidos . . . Kaj, tiu ĉi tago, ho! Tiu tago! . . .

Kaj subite fermante la pordon en vizaĝo de la diablo, mi eniris la vastan ĉambron, kie dolĉe postvivis, flugetis ĉie la memoro de la abatoj Peltier, Richardson, de Colas, pioniroj admirindaj de krucmilitiro internacia moderna. Kontraŭ la okulblendo.

Max Roub.

---

frata amo, ankaŭ se oni kritikas plej akre. Pri la danĝeroj cititaj en la supre skribita artikolo ni parolos en unu el la sekvontaj numeroj de K. M. K. M.

## Ika kaj la aprobo de la plej alta eklezia aŭtoritato.

Plej ofte kontraŭuloj de Ika-movado uzas la riproĉon, ke Ika ne havas la „aprobon“ de la eklezia aŭtoritato, precipe de la apostola Seĝo en Romo. Tre ruze ili uzas ĉi tiun riproĉon, tre bone sciante, ke per ĉi tiu ilo plej facile ili povas semi konfuzon inter la fidelaj Ika-anoj. Tial ŝajnas al mi plej necese, mallonge klarigi la ofte uzatan vorton „aprobo“, kiu estas uzata en diversaj sencoj. Sed mi ne volas mem skribi pri tio. Mi citas aŭtoritaton, cititan eĉ de Sro Smulders, nome Sron Ritter von Lama, kiu laŭ Sro S. estas „bone sin informinta persono“. Ritter von Lama skribas en „Bayrischer Kurier“, München, de 9a de novembro 1921 sub la titolo „La internacio katolika kaj la Graz'aj klopodoj“ i. a.[1]).

„Antaŭ ĉio mi volas konstati, ke, kion mi ... skribas pri ekleziaj aferoj, estas pure privataj opinioj de mi, por kiuj mi sole prenas sur min la respondecon ... Mi devas energie kontraŭdiri la opinion, ke el miaj artikoloj parolu la ‚Vatikano‘. Mi pli frue, estante en Romo, plej akre kontraŭbatalis la penadojn de malgranda rondo, kiu sub Pio Xa malprave sin ĉirkaŭigis kun pli alta aŭtoritato kaj arogante sin faris tutmondan cenzurantulon de la katolikaj klopodoj . . .

Estas vaste disvastigata eraro opinii, ke ĉio, kion la Sankta Apostola Seĝo ne aprobas esprime, estu malaprobita de ĝi. Oni enkuraĝas kaj subtenas en Romo ĉiun bonan aferon, oni ĝin observas, oni serĉas atingi, ke ĝi ne marŝu danĝerajn vojojn kaj interdume oni trankvile

---

# Atentu!!

Ni urĝege petas neniam pagi monon por Ika aŭ Paŭlus-eldonejo per poŝtavizo aŭ per bankĉeko en aŭstria mono; ĉar per tio ni perdas grandegajn sumojn. Oni sendu monon nur per enskribita letero en naciaj banknotoj aŭ per bankĉekoj skribitaj en **fremdnacia** (**ne** en aŭstria!) monvaloro.

---

atendas, kiamaniere ĝi evoluiĝas kaj kiel sin provas la ĝin gvidantoj. Oni pripensu nur ekz. la fondojn de novaj kongregacioj; kiom da reguloj devas esti plenumitaj, kiom da jaroj pasas, ĝis kiam eĉ nur provizora aprobo estos donata! Eĉ Don Bosco, ĉi tiu modelo de l' pacienco, diras iam, ke li estus preterlasinta la fondon de sia societo, se li antaŭe estus sciinta la malfacilaĵojn, kiujn Romo faras antaŭ la aprobo de nova kongregacio. Kion Romo fakte aprobas, tion ĝi protektas kun tuta sia aŭtoritato... Do, se la apostola seĝo al iu nova entrepreno ne donas la ‚aprobon‘ t. e., se ĝi ne tuj donas la oficialan aprobon, tio tute ne estas juĝo pri la entrepreno mem. La samo valoras pri ‚Internacio Katolika‘. La ideo de la alproksimiĝo kaj repaciĝo de la popoloj kompreneble trovas la tutan aprobon de Benedikto XVa; la klopodoj por iliaj realigoj tial estas salutataj de li. Sed oni atendu, kiamaniere sin realigos la bona volo de la iniciantoj.

Ke kelkaj danĝeroj ekzistas kaj devas esti forigitaj, havas sian kialon en la speco de la entrepreno mem. La ‚Internacio Katolika‘ alceladas la kreon de internacia sinkompreniĝa organizo, kies trabaĵo estas la reprezentantoj en la apartaj landoj; ili estas subordigitaj al unu centra oficejo. Do tie temas pri projekto de iuspeca laika hierarhio, kun propra estraro, kiu, se ĝi mem ne ĉiam memoras sian rilaton al la eklezio, povus aperi iutempe kiel iu speco de kontraŭeklezio. Mi tutcerte kredas al ĉiuj nuntempaj partoprenantoj, ke ili kun indigno rifuzas tiuspecan intencon kaj mi tute ne volas, ke oni konkludu el miaj vortoj, ke mi dubas pri ilia bona intenco. Tute ne. Sed ili volas krei ion, kio ankoraŭ ne ekzistas kaj tie estas nature kaj kompreneble, ke oni sin retenas en Romo antaŭ ol ke oni mem positive kunagadas kaj per oficiala aprobo donas la ateston de eklezia sinproviĝo. La itala ‚Unione popolare‘ rekte estas subordigita al la Sankta Seĝo, ĝi estas rekonita oficiale kaj aprobata, kio al ĝi kaŭzas devojn i. a. ankaŭ tiucelajn, ke ne fariĝu malkorekta opinio pri la posicio de la Sankta Seĝo. Pro tio ĝia deklaro en ‚Oss. Rom.‘ estis necesa. Sed ĝi ne diras pli ol ĝi diras.“

Rimarko. Ni opinias, ke per la bonegaj klarigoj de la famkonata Vatikana raportisto plej bone la demando estas solvita. Cetere ni ĉiam estas dankemegaj por ĉiuspeca kritiko, ĉar ni plej bone scias la gravan respondecon sin ŝarĝantan sur niaj ŝultroj. Ni nur urĝe petas, ke oni ne trapasu la limojn de la

[1]) Bedaŭrinde Sro Smulders ĉi tiun artikolon, kiu volas korekti la de Sro S. citităn artikolon, ne mencias en E. K.

## Ia Internacia demokrata kongreso

en Parizo 4an ĝis 11an de decembro 1921.

Famkonata sammezure kiel oratoro kaj kiel vere pacema kristana politikisto, la franca katolika deputato Marc Sangnier estis certe la plej taŭga viro por kunvoki internacian kongreson de veraj pacemuloj kaj popolamikoj ĉiulandaj en Parizo sub la nomo de „Ia Internacia demokrata kongreso“. Ne estis katolika kongreso, eĉ ne kristana en la signifo, ke nur partoprenis kristanaj kredemuloj. Tamen oni prave nomas la kongreson „kristanan“ kongreson, ĉar la spirito plenuminta ĉiujn kunvenojn, estis spirito de vera pacemeco, justemeco kaj sincereco kristanaj; ankaŭ la ceestantaj liberpensuloj certe nekonscie montris la verecon de Nietzsche'a parolo, ke la lumo de Kristanismo kiel lumo de mortintaj sunoj ofte ankoraŭ heligas la mondon.

Ĉeestis reprezentantoj el 22 landoj, parte delegitoj de grandaj naciaj organizoj. Tamen ili ne reprezentis organizojn, sed la volon komunan al ĉiuj popoloj, sincere kunlaboradi por subigi la militon kaj ties terurajn sekvojn kaj sammaniere forigi ĉian alian maljustecon kaj malhomindecon en la mondo. Verdire: francoj kaj germanoj, italoj kaj aŭstrujanoj ktp. kune estis en ĝojiga amikeco kaj frateco kristana.

Ok tagojn daŭris la laborkongreso. Multaj resolucioj estis decidataj, ĉiuj unuanime, montrante la unuanimecon de la bonvoluloj transe de ĉiuj landlimoj. La programa resolucio decidita je la fino de l' kongreso estas publikigata en K. M. Interesa por la Esperantistoj estas ankaŭ la speciala resolucio proponita de Dro Metzger kaj ankaŭ akceptita unuanime, per kiu la disvastigo de Esperanto kaj ties enkonduko en la ĉiulandaj lernejoj kiel unua fremda lingvo estis postulata.

Vere impresa estis la granda popolkunveno, en kiu Marc Sangnier paroladis pri la repacigo de la mondo. 3000 ĉeestantoj alĝojegis la elokventan oratoron kaj salutis la kuraĝon de tiu viro, kiu predikis kiel profeto la estonton de liberaj popoloj unuigitaj en vere kristana komuneco, kunigitaj en ligo de nacioj, kiu ne kiel ĝis nun estas unuigo de registaroj, sed verdire ligo de popoloj. La senatoro Estournelles de Constant, bonkonata pacemulo, salutis la kunvenon kaj konstatis, ke ĉiulande en la popoloj vivas la sama sincera pacemeco. Dro Metzger, la direktoro de IKAC el Graz, konstatis la saman fakton, rekonante en ĝi la „anima naturaliter christiana“, la animo laŭnature kristana, pri kiu parolis Tertuliano.

Okaze de la demokrata kongreso kunvenis en speciala kunsido la katolikoj, unuanime decidante, post paroladoj de Dro Metzger, Marc Sangnier, Dro v. Hildebrand, apogi Ika'on kiel internacian ligon de la katolikaro. Speciala Ika-komitato por Francujo estas formata. Esperanto-kurso de nia nacia direktoro profesoro Muffang ĉe la „Democratie“ certe zorgos, ke la fervoraj samideanoj de la movado de Marc Sangnier kunlaborados efike kun la Ika-movado. tz.

## Rezolucioj de la Ia Internacia demokrata Kongreso de Parizo.

La delegitoj kunvenintaj el 21 nacioj okaze de la internacia demokrata kongreso 4an ĝis 11an de decembro 1921 unuanime fiksis la moralajn kondiĉojn, kiuj al ili ŝajnas necesaj por starigi veran kaj daŭran pacon:

1. Koncerne la pacon tutmondan.

Ili estas konvinkitaj, ke la unua morala kondiĉo antaŭiranta eĉ la materian senarmiĝon, estas la senarmigo de la malamoj. Pro tio ĉiuj pacamikoj de la tuta mondo devas daŭrigi senlaĉe ĉi tiun laboron liberigontan la spiritojn kaj la korojn.

Sen ĉi tiu kondiĉo, vera interpopola societo nek povas naskiĝi nek daŭri. Necesege estas, ke enpenetru la animojn de la popoloj pli kaj pli tiu vereco, ke supere de la laŭleĝaj interesoj de ĉiu aparta nacio, ekzistas unu pli alta, pli necesa intereso: la komuna intereso de la homaro.

Evitu ni do ĉion, kio naskigus aŭ daŭrigus la perforton kaj malamon. Atentu ni precipe, ke oni ne ekveku en la animoj de l' infanoj la pasiojn ŝovinismajn . . .

Tiam estos ebla la vera societo de la nacioj, kiu ne nur estos asocioj de la registaroj por laŭeble malhelpi la militojn, sed kunligiĝo de la popoloj mem, de ĉiuj popoloj sen escepto.

Por prepari ĉi tiun evoluon ni postulas, ke ankaŭ la ĝis nun ne akceptitaj nacioj estu allasataj al la ligo de la nacioj; ni postulas, ke la societo de la nacioj estu konstituata pli demokrata, elektante la reprezentantojn memrespondajn ne per la registaroj, sed per la popoloj mem aŭ la popolaj parlamentoj; ni postulas ke la ligo de la nacioj estu armigata per internacia policaro permesante al ĝi respektigi ĝiajn decidojn.

Ĉi tiu internacia policaro ebligos la senarmiĝon de ĉiuj nacioj, garantiante al ĉiu aparta popolo la sendependecon kaj la justecon.

Estas necese, ke la libereco kaj la propra volo de la popoloj, ĉu jam konstituitaj en apartaj ŝtatoj ĉu alcelantaj la memstarecon, en ĉiuj mondpartoj, devas esti respektataj laŭ politika, socia kaj religia

vidpunktoj. Same estas necesege, ke la rajtoj de ĉiu nacia malplimulto enmembrigita en alia ŝtato, estu tute respektataj koncerne la religion, la lingvon, la kulturon kaj la naciajn kutimojn.

2. Koncerne la ekonomian resaniĝon.

La milito naskiĝis teruran mondkrison ekonomian. Por resanigi ĝin estas necese, ke la internacia financa solidareco garantiu al ĉiuj popoloj, precipe al la plej kruele ruinigitaj per la milito, ekz. Francujo kaj Belgujo, la restarigon de sia nacia ekonomio; estas necese, ke la ligo de la nacioj rapidegu la helpon promesitan al Aŭstrujo plej mizere suferanta, por certigi al ĝi le eblecon de sendependa ekzistado; estas necese, ke la teritorioj de la malnova Rusujo ne estu rigardataj kiel pura ekonomia komercejo aŭ kolonio militarista.

3. Koncerne la socian evoluon.

La kongresanoj, konvinkitaj, ke sen socia justeco ne estos ebla daŭra paco internacia, rekonas la necesecon de daŭranta internacia organizo por la laborista problemo, prizorgonta per la kunhelpo de la ŝtatoj la perfektigon de la protektiga leĝdonado por ĉiuj gelaboristoj de la tuta mondo sen diferenco de la raso aŭ lingvo aŭ pozicio.

La kongresanoj, konvinkitaj, ke la socia organizigo de la laboro ne povas realiĝi subite per perforta revolucio, sed nur etapo post etapo, en la mezuro, ke la laboristaro kapablas preni sur sin pli gravajn respondecojn, ke la perfektigo de l' „sindikalismo" kaj de la sinsubtena kunlaborado („Kooperativismo") estas plej taŭgaj iloj de la socia edukado.

La kongreso admonas ĉiujn demokratojn kontraŭbatali energie la sociajn malbonojn: L' alkoholismon, la pornografion kaj la senmoralecon kaj rekomendas reformon de l' instruado, kiu devas permesi al ĉiuj infanoj sen diferenco de la socia pozicio de la gepatroj, akiri sufiĉan instruadon por laŭeble kompletigi la korpajn kaj animajn kapablecojn, kio estas necesege por progresigi la demokratajn instituciojn en socia kaj internacia teritorioj.

## La internacia katolika politika agado.

Por montri praktike la taŭgecon de Ika kaj de Esperanto, K. M. estas preparanta serion de artikoletoj pri la politika agado de la katolikoj en ĉiu aparta lando. Enketo pri tio estas komencita kaj ni urĝe petas ĉiujn interesemulojn, kiuj estas pretaj kunhelpi, ke ili bonvolu sin turni per poŝtkarto al CAO, kiu dissendas senkoste la demandofoliojn. Se la sukceso estas sufiĉe taŭga, oni intencas eldoni poste broŝureton kun statistika materialo pri la katolika agado politika en la ĉefaj ŝtatoj. Sed la sukceso nur estas eble per la kunhelpo agadema de la samideanaro. Do ne hezitu! Le praktika laboro estas la plej taŭga varbilo! K. M.

## Letero el Litovujo.

Per la fondo de la ĉebaltaj ŝtatoj (Finlando, Estonujo, Litovujo, Latvujo) naskiĝis ankaŭ bezono ŝanĝi la limojn de kelkaj eparkioj en tiuj landoj. Tiu ĉi limŝanĝo komencis per la Samogitia eparkio, havanta ĝian episkopan seĝon en Kaŭnas (Kowno), unu el la ĉefurboj de Litovujo. Antaŭ la milito al tiu eparkio apartenis la estinta rusa Kaŭna gubernio kaj la tuta Kurlando. La nombro de katolikoj en Kaŭna gubernio estis 1,200.000, en Kurlando 100.000. La loĝantaro de tiu ĉi lasta estas latva. Politike Kurlando apartenas nun ankaŭ al Latvujo. Tial estis tute nature, ke la kurlandaj katolikoj apartenu al Riga-latva eparkio. Sciante tion Lia Papa Moŝto Benedikto XV[a] per la konstitucio „Maxime interest" de 9[a] junio 1920, dismembriginte la Samogitian eparkion, aligis la Kurlandon al Riga eklezia provinco. La Samogitia eparkio, posedanta 1,200.000 da katolikoj, restas tamen sufiĉe granda. Tial estas intencate ĝin, plue dismembrigi kaj fari el ĝi almenaŭ da novajn litovajn eparkiojn.

La 11[an] de l' pasinta septembro la Samogitia eparkio festis solene la jubileon de sia 500jara ekzistado. Por precize diri, tiu ĉi jubileo devis esti festata en 1917, ĉar la Patroj de la Konstanca ĝenerala Sinodo en 1417 estis delegintaj du episkopojn, Lembergan kaj Vilnan, kiuj veninte Litovujon efektive en 1417 fondis la Samogitian eparkion kaj sanktigis la unuan ĝian episkopon Mation. Sed ĉar Litovujo en 1917 estis okupita de germanoj, tial la jubilea festo estis prokrastita ĝis la jaro 1921. La kialo estis tia, ke la Sankta Seĝo la 1417 kreitan Samogitian eparkion oficiale aprobis en la jaro 1421.

La 11[an] de l' pasinta septembro kunvenis Kaŭnon ĉiuj litovaj episkopoj kaj granda amaso da pastroj kaj laikoj. Dum la solena meso estis tralegitaj latine kaj litove la Papaj skriboj, donantaj al Kaŭna katedra preĝejo la honoran titolon de „Basilica minor".

Post la diservo la litova pastraro invitis la eminentularon, kaj la reprezentantojn de fremdaj ŝtatoj en grandan seminarian manĝoĉambregon por la tagmanĝo. Lia prezidanta Moŝto levis toaston je la honoro de la Papo Benedikto XV[a]. La fremdnaciaj reprezentantoj de Anglujo, Germanujo, Danujo, Nederlando, Latvujo ktp. esprimis en siaj paroladoj bondezirojn per la litova popolo kaj ĝia eklezio. Eĉ la reprezentanto de Japanujo, kvankam nekristano, deklaris, ke la solena diservo en la katedra preĝejo faris al si grandan impreson kaj dankis por la invito al ĝi.

La litova registaro asignis sufiĉe grandan sumon por la restaŭro kaj plibeligo de nova Kaŭna baziliko.

Okaze de jubileo la litova pastraro priparolis ankaŭ la urĝan demandon pri la fondo de la teologia fakultato ĉe la naskiĝanta litova universitato. La regularo de tiu ĉi fakultato estas jam preta kaj akceptita de litova episkoparo. En la unuaj tagoj de decembro speciala delegito veturis Romon por prezenti tiun regularon al Lia Papa Moŝto kaj elpeti lian aprobon. La litova registaro estas preta helpi finance la teologian fakultaton.

La litova reprezentanto ĉe la Sankta Seĝo, G. Narjanskas, en la aŭdienco de 31[a] oktobro buŝe klarigis al Lia Papa Moŝto la demandon pri litova universitato kaj teologia fakultato, kaj Benedikto XV[a] ekkonsentis beni ĉiujn personojn, kiuj per siaj monoferoj helpos la novan teologian fakultaton.

Aliajn gravajn demandojn litovaj katolikoj intencas priparoli en la dua katolika kongreso okazonta post la Novjaro en Kaŭno. Prel. A. Dombrovski.

## El Romo kaj l' eklezio.

Originala raporto.

Post la silentaj adventtagoj estas bellume naskiĝinta la sankta gracoplena tago de la 24[a] de decembro. Estas tagmeza horo. Vigla agado subite ekvekiĝas sur la vasta placo de l' Sankta Petro, alitempe tiel silenta. Kaj la plej altrangaj eminentuloj kunfluas al Vatikano por — laŭ malnova kutimo — diri al la Sankta Patro la plej korajn deziresprimojn por la novjaro. En solena, feste ornamita konsistoria salonego kunvenas la eminentularo, la kardinaloj, la ĉefepiskopoj, la episkopoj kaj — kiam estas veninta la Sankta Patro — la dekano de la sankta kolegio, lia kardinala moŝto Vanutelli solene laŭtlegas la gratulan leteron. Kore dankante Lia Papa Moŝto i. a. memorigas la multnombrajn ekleziajn jubileojn dum la nova jaro, kiuj samtempe plej bone montras la gloroplenan internaciecon de l' eklezio ekz. la festaj jubileoj de l' Sankta Filipo Neri, Ignacio de Loyola, Francisko de Sales, Fidelis de Sigmaringen, de Sankta Teresio de Jesuo . . . Plue la 300jara fondo-jubileo de la propaganda kongregacio, kiu fruktigis la ideon de laŭsistema disvastigado de l' kristanismo kaj ties



praktikan realigon per specialaj organizaj formoj. La internacia katolika misia kongreso aranĝota dumpentekoste, kaj la internacia eŭharistia kongreso, okazonta en la majo 1922, montros Romon denove kiel la admirindan centron internacian de la tutmonda eklezio . . .

Koncerne la problemon de la diplomataj interrilatoj inter la modernaj ŝtatoj kaj la Sankta Apostola Seĝo ni lasttempe aŭdis tre interesan novaĵon. Estas senduba fakto, certigita de fidindaj atestantoj, ke la unuigitaj ŝtatoj de norda Ameriko daŭre havas oficialajn rilatojn kun la Vatikano kaj tie estas nomigintaj eksterordinaran reprezentanton, same kiel estis farinta Francujo depost la jaro 1916. Cetere la franca senato post kvartaga plej akra batalado aprobis fine la restarigon de franca ambasadoro ĉe la Vatikano . . . Oni atendas, ke Msgro. Ceretti, la apostola nuncio en Parizo, dum la januaro revenos Romon por pritraktadi la problemojn de l' Oriento kaj la situacion de la franca eklezio . . .

La unua „konkordato" inter la Vatikano kaj nove kreita ŝtato ĵus estas kontraktata, nome kun Latvio. Estas tre interesa fakto, ke ĉi tiu ŝtato, kies plimulto estas nekatolika, multe pli grandan montris pacemecon kaj subtenon ol multaj aliaj ŝtatoj, kiuj sin nomas „katolikaj". L' eklezio havas absolutan liberecon en la administrado kaj ordigo de siaj aferoj. Riga estos la restadejo de ĉefepiskopo. La registraro elsiaj monrimedoj konstruas la ĉefepiskopan preĝejon; ĝi pagos la salajrojn por la pastraro. L' eklezio rajtas starigi apartajn lernejojn; en Romo oni kreos latvian kolegion . . .

Gravaj decidoj evoluiĝas en la greka eklezio. Venizelos, la konata politikisto, efikis, ke ĝia plej alta estraro, la greka patriarkato de Konstantinopel, tute estas implikata en politikaj aferoj. Pro tio oni nun turnas la okulojn Romon kaj intertraktadoj estas komencitaj por krei „konkordaton" inter la greka registraro kaj la Vatikano . . .

Grandan impreson faris en la tuta Oriento, ke la unua monumento, konstruita por Lia Papa Moŝto Benedikto XV[a], ne estas starigita per la katolikoj sed per nekreduloj, la mohamedanoj en Konstantinopol, por esprimi ilian admiron kaj dankon por la senlacaj helpservoj kaj repacigaj klopodoj de l' Papo. Krom la oficialaj aŭtoritatoj de la turka registaro kaj eksterlandaj ŝtatoj, granda popolamaso, mohamedanoj, judoj, anoj de la disigitaj orientaj eklezioj, estis kunvenintaj okaze de la festa inaŭguracio de l' monumento . . .

Feliĉe multaj anoj de la rusa eklezio orienta, kaŭze de la lastjaraj teruraj okazintaĵoj, estas fordonintaj sian malinklinon kontraŭ Romo. Des pli multe estas bedaŭrinda, ke la rusa patriarko Tychon de Moskovo preferus kunliĝi sin kun la anglo-amerika protestantismo. Ĵus, dum ĉi tiuj tagoj estas kunvenintaj en Karlowitz tutrusa kongreso, kiu sin i. a. okupos kun la „defendo kontraŭ la katolika propagando". Ĉe ĉi tiu okazo ni volas mencii, ke antaŭ 2½ jaroj, en la tagoj de la persekutado de l' rusorienta pastraro, la rusa ĉefepiskopo de Omsk, nome de la tutrusa orienta pastraro, sin estis turninta al la roma papo elpetante lian helpon; ke la papo tuj per senfadena telegramo estis postulinta de Lenin indulgon por la pastroj; ke la papo lasttempe donacis unu milionon da liroj por la malsatuloj en Ruslando. Tiamaniere la unua papa helpvagonaro alportis 50 vagonojn de rizo en la malfeliĉan malsato-teritorion . . . L.

## La dua internacia laborkongreso katolika.

2[a] komuniko.

Provizora programo. La aranĝo de la nunjara kongreso estos laŭ nia intenco simila al la konferencoj de la pasinta jaro. Krom la ĉefa konferenco, kiu detale pritraktos la problemon de la praktika internacia kunlaborado, oni preparos diversajn specialajn konferencojn i. a. junula konferenco, aranĝota kiel kongreso de Moka; konferenco de la katolikaj pacamikoj; misia konferenco pritraktonta problemojn de la enlanda kaj paganlanda misio; Esperanto-konferenco; socia konferenco pri plej urĝaj sociaj problemoj moderna; plue eble specialaj pritraktadoj pri la politika, gazetara virina movadoj ktp. La definitiva programo estos publikigota pli poste. Oni jam nun faru proponojn, nomu raportistojn!

Ne forgesu la financan subtenon!

Ĉiujn informojn donas CAO sub „kongreso", Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo.

## La internacia eŭharistia kongreso en Romo 25—29[an] de majo 1922.

Post sep jaroj, plenaj de sangoj kaj larmoj, plenaj de malamo kaj disiĝo, la tutmonda katolikaro unuigos sin denove por komune adori la grandan eŭharistian misteron. Romo, la gloroplena ĉefurbo de l' eklezio, kunigos en siaj patrinaj muroj la infanojn fidelajn el ĉiuj landoj kai ĉuj terpartoj.

La ideo aranĝi internacian eŭharistiajn kongresojn devenas de la fama jesuito Drevon. Ĝis nun 25 internaciaj eŭharistiaj kongresoj estas sukcesplene aranĝitaj. La lasta okazis en Lourdes (Francujo), du semajnoj antaŭ la eksplodo de la malfeliĉa milito.

Laŭ la ĝisnunaj sciigoj la ĝenerala programo de la Roma kongreso estos jena:

Merkrede: la 24[an] de majo posttagmeze je la tria solena malfermo en la Vatikano sub la prezido de Lia Papa Moŝto; 1[a] ĝenerala kunveno.

Jaŭde: je la 9[a] solena miso de l' Papo en la ĉefpre[illegible] de l' sankta Petro; je la 3[a] posttagmeze 2[a] ĝenerala kunveno.

Vendrede: je la 7½[a] komunia miso en ĉiu nacia eklezio kun nacilingva prediko; je la 10[a] granda pontifika miso en unu de l' grandaj ĉefpreĝeoj; je la 3[a] okazos la 3[a] ĝenerala kunveno.

Samde: kiel vendrede.

Dimanĉe: antaŭtagmeze kiel vendrede; posttagmeze je la 3[a] lasta ĝenerala kunveno kaj solena beno en la Petro-preĝejo.

Lunde: antaŭtagmeze kiel vendrede; posttagmeze je la 3[a] solena precesio en la Petro-preĝejo.

Ĉar eble speciala Ika-kunveno okaze de la kongreso estos preparata, ni petas ĉiujn vizitontojn la kongreson, anonci sin ĉe la CAO.

## Mondjunularo Katolika (Moka).

Komunikoj de la Centra Oficejo.

Dum januaro estas dissendita la 5[a] cirkulero al ĉiuj delegitoj, sekretariejoj ktp. Mi tre petas, detale tralegi ĝin kaj agi laŭ ĝi. La nova broŝuro germanlingva „Ni katolikoj kaj la internacia junula movado" jus aperis. Mi ne povas preterlasi, ankoraŭ multfoje danki al la studenta grupo St. Michael ĉe Zug (Svisujo), kiu ebligis per grandanima donaco la eldonon de tiu broŝuro. — La adresaro de „Ile" verŝajne fine de tiu monato aperos hektografite kaj enhavos ĉirkaŭ 100 adresoj nur de „Ile-anoj". Kiu deziras ĝin ricevi, tuj mendu! Mi denove atentigas je la eldonita propaganda materialo kaj nepre petas ĉiun delegiton ktp. de Moka mendi certan kvanton por la propagando inter katolikaj junuloj ktp. Fine ne forgesu la financan subtenon de la centra oficejo! Sendu ĝustatempe la membrokotizojn, donacojn. „Kiu tuj donas, donas duoble."

Hanns Sappl, ĉefsekretario de Moka.

## El la internacia junula movado katolika.

**Francujo.** La 17[an] de novembro 1921 okazis en Metz la delegitkunveno de l' eparhia katolika junula ligo sub la prezido de la loka episkopo Msgro. Pelt. Ĝis nun 84 unuiĝoj kun 3647 membroj estas aliĝintaj al la ligo. Precipe interesa estis la raporto de Prof. Thomas pri la „studrondoj" enkondukitaj jam sukcesplene en multaj lokaj unuiĝoj. Tuispeca rondo konsistas maksimume el 10—12 anoj kiuj kunvenas semajne. Laŭvice unu membro devas mallonge pritraktadi temon aŭ religian problemon. Sekvas diskutado sub la gvido de l' prezidanto. Tre taŭga ilo por profundigi la religian kaj praktikan edukon.

Oberstatter, Bitche, del. de Moka.

**Hispanujo.** Malgraŭ ke H. estas oficiale katolika ŝtato, tamen la katolika movado ne estas tiel vigla, kiel en multaj aliaj landoj ne tute katolikaj. Tamen dum la lastaj jaroj oni multe laboris, kiam la katolikoj, revenintaj el longa sonĝo, vidis, ke la ministraroj publikigis kontraŭekleziajn leĝojn, ke la tuta gazetaro estis nekristana . . .

La junula katolika organizo estas tre diversspeca. Ĉar ekzistas multaj organizaĵoj de junuloj. La plimulto de la gejunuloj estas organizata en „Mariaj kongregacioj" de junuloj kaj junulinoj. Ili havas pli spiritan ol agadan celon. Laŭ konsilo de la apostola nuncio oni nun formas grandan kunfederacion nacian, ampleksontan preskaŭ la tutan katolikan junularon de H. kaj oni donos al ĝi praktikan agadon sen malatenti tamen la spiritan celon. Plue ekzistas katolikaj studantaj unuiĝoj, kiuj same alcelas la nacian kunligiĝon.

Moka-movado progresas bone. Du novaj grupoj, aliĝintaj al Moka estas kreitaj. En la tuta provinco kreskas la intereso.

J. Font Giralt, ĉefdel. de Moka.

**Svisujo.** Kvankam komunistoj kaj socialistoj fervore propagandas siajn ideojn inter la junularo, la katolikaj gejunuloj intertempe ne dormis. Ili estas tre bone organizitaj en societoj kaj kongregacioj. Ofte la diversaj organizoj aranĝas tutlandajn kunvenojn por puŝi antaŭen energie la movadon.

Jen la organiza formo: La apartaj societoj kune formas „kantonan ligon“; ĉiuj kontonaj ligoj la „Centran Asocion de la svislanda junularo katolika“, al kiu estas aliĝintaj pli ol 300 junulaj societoj. La 3an de julio 1921 okazis en Einsiedeln granda tutlanda kongreso, kie partoprenis pli ol 2500 junuloj. Kun entuziasma aplaŭdo oni legis la salutan skribaĵon de Moka kaj decidis unuanime, ke la tutlanda asocio aliĝu al Moka. Moka-movado progresas bonege. Novaj grupoj estas formataj.

A. Staffelbach, del. de Moka.

**Italujo.** Dum la unuaj tagoj de septembro okazis en Romo, okaze de la kvindekjarfesto, nacia kongreso de la „Itala Junularo Katolika“ al kiu partoprenis 1600 flagoj kaj 70.000 personoj. Bedaŭrinde la festo estas iom maltrankviligita per demonstracioj de kontraŭekleziuloj, kiuj sensukcese penadis, montri al la itala popolo, ke la junuloj katolikaj estus „senpatriuloj“. Tiamaniere ili volas malfortigi la voĉon de la nova nacia konscienco, kiu unuanime postulas amikan paciĝon inter la Sankta Apostola Seĝo kaj Italujo. Ĉar se tio sukcesus, estus granda frapo por la kontraŭekleziuloj. — La nombro de „Itala Junularo Katolika“ estas nun proksimume 300.000.

Ankaŭ la studanta kaj universitata movado katolika nun estas tre vigla. Dum la lastaj aŭgusttagoj okazis en Ravenna, ĉe la tombo de Dante, nacia kongreso de la katolika universitata federacio, al kiu partoprenis 1500 personoj (inter ili 500 fraŭlinoj kaj 50 eksterlandaj reprezentantoj) kaj oni fondis en Torino katolikan universitaton.

Bedaŭrinde la studantoj de la mezlernejoj ne tiom sukcesis, kvankam estus necesege, ke la lernejoj, precipe la elementaj lernejoj, estus bone defenditaj. Ĉar la kontraŭekleziuloj, precipe la komunistaj instruistoj, kiuj antaŭ kelkaj monatoj penadis malebligi preĝadojn en tiaj lernejoj kaj, en kelkaj urbetoj, eĉ provis forporti la krucojn el la publikaj lernejoj. Sed ĉie ili malsukcesis; ĉar la tuta loĝantaro triumfe reportis la krucojn . . .

Michelangelo Riccomini, del. de Moka.

**Germanujo.** Dum la pasinta jaro Moka en Germanujo povis registri ĝojigajn sukcesojn. La katolikoj komencas interesiĝi pri la unuigo internacia de l' junularo katolika. Kvankam ni ĝis nun ne sukcesis aligi al ni korporacie la grandajn katolikajn junulasociojn, tamen ili tute ne estas malfavoraj kaj donas al ĉiu de siaj membroj la liberecon, aliĝi al Moka laŭvole.

Granda propaganda laboro estas realigata. Artikoloj kaj raportoj pri la Graz'a konferenco estas akceptitaj de preskaŭ ĉiuj gazetoj. Precipe vigla estas la laboro en Silezio, kie ekzistas jam pluraj grupoj, en Rejnlando, kie oni tre fervore propagandas la ideon precipe en la „Jung-Centrum-rondoj“ (la juna Centro) kaj en Westfalio. Ĉie oni preparas per organizata laboro la fondon de lokaj laborgrupoj por propagandi laŭsisteme la ideon. Lasttempe oni ankaŭ en suda Germanujo komencas efikan agadon. Precipe estas la „Quickbornanoj“ (religia renoviga movado inter la gejunuloj katolikaj), kiuj ofte entuziasme laboras por nia ideo. En preskaŭ ĉiuj pligrandaj urboj delegitoj estas elektitaj. Per energia kunhelpo certe la movado bone sukcesos dum la venonta jaro.

A. Weiß, del. de Moka.

**Litovujo.** Pri la organizacio de la katolikaj junuloj en L. mi mallonge raportas jenon: Ĝis nun la litova junularo estas kunligita en du grandaj asocioj. Por la studantoj, hejmlande aŭ eksterlande lernantaj, ekzistas organizo nomiĝanta „Ateitininkaj“ (la estontoj); ĝia devizo estas: „Ĉion restarigi en kristo.“ — La vilaĝa katolika junularo havas propran organizacion, la „printempistoj“. Ĝia centro troviĝas en Kaŭnas; sed preskaŭ en ĉuj urbetoj estas lokaj grupoj, kiuj belege ekfloras . . .

Donaldas Blaŝy, del. de Moka.

## Internacia poŝto.

Sro S., Polujo. Vie estas prava. Sed pripensu! CAO devas plenumi samtempe multegajn taskojn: propagandi la ideon per [illegible]i, artikoloj, flugfolietoj; korespondadi ne nur en Esperanto, sed ankaŭ en la ĉefaj lingvoj; ĉar ofte interesemuloj ankoraŭ ne scipovas Esperanton; organizi la gazetaran servon; verki kaj dissendi cirkulerojn; starigi la delegitan sistemon; eldoni la gazeton; ĉiam petegi kaj instigi la kunlaborantojn, ke ili sendu artikolojn; fine prizorgi la eldonon de l' adresaro, de Esperanto-libroj ktp.; la preparon de la sekvonta kongreso . . . kaj ĉion sen sufiĉaj monrimedoj; ĉar bedaŭrinde multaj samideanoj ankoraŭ ne pagis la kotizon kaj multaj forgesis kolekti mondonacojn. Nenia ideala movado povas efike labori sen la necesa mono!

Sro B., Italujo. Volontege mi sciiĝas al vi la elspezojn por K. M. en unu monato (januaro 1922). Aŭdu: papero 15.000 *K*; presigo 52.000 *K*; poŝtkostoj 4000 *K*; pakaĵo kaj forsendlaboro 12.000 *K*; propagando 5000 *K*; redakciaj elpezoj 15.000 *K*; do entute por la monato de januaro 106.000 *K* (= 100 s. f. aŭ 50 n. g.). Kaj tio nur estas ebla per plej singardema kalkulo kaj plej energia ŝparemeco; ekz. la redakcio ĝis nun preskaŭ laboras senkoste; ĉiuj kunhelpantoj kontentiĝas kun plej simplaj salajroj; ekzemple la monata salajro de l' ĉefsekretario de Ika estas en svisa mono 20 frankoj, la ĉefdirektoro de l' IKAC ricevis de Ika pomonate 3 frankojn!! Granda profitemeco!! Ĉu ne? — Do varbado de novaj abonintoj estas necesega. Feliĉe ilia nombro kreskas de semajno al semajno.

Sro N., Germanujo. Ĝis kiam ni scias la rezulton de la intertraktadoj komencitaj, ni nenion diras pri la disiga afero.

## Al Unueco.

Intertempe ni ricevis la de Sro Dro Smulders eldonitan numeron de E. K. La ĉi tie menciitaj faktoj estas plej grandparte malveraj aŭ malkorektaj; la restaĵeto senfine troigita. Por refuti detale la tutan enhavon, oni devus skribi libregon. Sed ni estas konvinkitaj, ke ĉiu publika diskutado estas malutila al la katolika afero entute kaj ne konforma kun la katolika spirito de pacemeco kaj frata amo. Tamen por ne malutili la de ni plej amatan Ika-movadon, ni ĉi tie nur volas konstati kelkajn faktojn, kiuj estas klarigeblaj per malmultaj vortoj.

1. La aprobo de la plej alta eklezia aŭtoritato: vidu la tiurilatan artikolon en ĉi-tiu numero! Ika trifoje estas enkuraĝita en sia laboro dum unu jaro per la Apostola Seĝo.

2. Episkoparo. Neniam la antaŭmilita IKUE havis la aprobon de ĉiuj episkopoj (= hierarĥio), sed nur de kelkaj. Ika trovis dum unu jaro la enkuraĝigon, subtenon aŭ benon de 30 ekleziaj eminentuloj, do dum unu jaro de pli ol la IKUE dum multaj jaroj.

3. Aŭstria episkoparo. Malvere estas, ke la Graz'a episkopo malpermesis la kongreson, malvere estas, ke la aŭstria episkoparo malaprobis Ika aŭ la kongreson. Fakto estas, ke ni ricevis de lia Kardinala Moŝto de Vieno la leteran sciigon, ke la aŭstria episkopa konferenco (= episkoparo) nenion decidis pri Ika aŭ ties kongreso. Fakto estas, ke ni ricevis episkopajn leterojn de Aŭstrujo, enkuraĝigante nin por Ika-laboro.

4. Haga kongreso. Fakto estas, ke Sro Dro Smulders en septembro 1920, do 4 ĝis 6 semajnoj post la kongreso, verkis nederlandan broŝuron, kie li mem bone defendas la Hag'ajn decidojn kaj aprobas ĉion, kion li nun malaprobas.

5. Akcia societo. Sro S. mem konstatas, ke Ika ĉiam respektis la memstarecon de A. S. kaj ke li, Sro S. mem ĉesigis la de ni kaŭze de l' unuigo komencitajn intertraktadojn. Plue estas nia opinio, ke Akcia societo, kiu estas negocia entrepreno, al kiu hodiaŭ fakte nur apartenas kelkaj personoj, al kies ĝenerala kunveno neniu ne-akciulo povas partopreni, ne rajtas decidi pri la movado, sed nur pri la de ĝi eble eldonata organo.

6. Konferencoj en Graz. Pri la elekto de la direktoraro kaj de la prezidantaro ni konstatas, ke ĉiuj krom du, de kiuj ni ne plu povis ricevi respondon, estis donintaj sian kunsenton; ankaŭ R. P. Philippe per konfidencia letero antaŭe estis doninta sian kunsenton.

Pri la raporto en „Esperanto“ de Genevo, citita de Sro Smulders, same pri la raporto en „Esperanto Triumfonta“ ni konstatas, ke nek Dro Metzger, nek iu persono el la Centra Oficejo skribis aŭ sendis ĉi tiujn raportojn. Ni ne estas respondaj pri tio, kio iu ajn en iu ajn gazeto skribas pri ni. Do ĉiuj konkludoj de Sro Smulders pri tio estas malĝustaj.

7. Kiu komencis? Malvera estas, ke K. M. estis la unua persone atakanto. Sro Smulders mem konstatas, ke la redaktoro de E. K. propravole publikigis lian privatan leteron en E. K. de junio 1921, kiu letero enhavis akrajn atakojn kontraŭ Ika kaj Dro Metzger. La unua numero de **K. M.** aperis je la 26 de julio!

El ĉi tiuj kelkaj faktoj oni jam povas vidi, ke la faktoj plej grandparte estas malveraj aŭ malkorektaj. Se oni forprenas la faktojn, restas kolektaro de personaj ofendoj kaj atakoj kaj eĉ de kalumnioj, al kiuj ni ĉi tie ne povas kaj ne volas respondi.

Fine ni nur konstatas: Nia konscienco estas pura antaŭ Dio kaj antaŭ la homoj. Nia intenco estis kaj estas kaj estos ĉiam la sama, servi al la katolika eklezio. Se ni ne ĉiam kaj ĉie sukcesas aŭ sukcesis, tio ne nur estas nia kulpo. Pri personaj atakoj aŭ ofendoj ni persone preferas silenti kaj suferi laŭ la ekzemplo de la Dia Majstro. Sed se oni daŭras la disvastigadon de personaj kalumnioj kaj ofendoj, ni ne hezitos, transdoni la aferon al la juĝejoj de la koncernaj ekleziaj kaj ŝtataj aŭtoritatoj, por ne malutili la katolikan aferon.

Ni opinias, ke ni estas devigataj konstati tion publike. Kiuj deziras pli detalajn klarigojn, turnu sin al sia nacia direktoro aŭ al CAO.

Neniam ni ĉesis la klopodojn por havi fratan interpaciĝon; sed ĝis nun sensukcese. Fine ni nun opinias, ke estos trovata vojo por provizore almenaŭ trovi interpaciĝon kaj unuecon. Ni de nia flanko donos la plej facilajn kaj akcepteblajn kondiĉojn kaj esperas, ke baldaŭa unueco estos realigata. Mi finas per nia devizo: Ĉiam antaŭen kun Kristo!

Kasparo Mayr, ĉefsekretario de Ika.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

---

**Filatelistoj atentu!** Ĉu vi jam posedas ĉiujn austriajn poŝtmarkojn? Se ne, tiam postulu elektaĵon de aŭstriaj poŝtmarkoj! Kontraŭ referencoj mi sendas al ĉiuj honestaj esperantistoj belajn elektaĵojn por tre malaltaj prezoj. Skribu tuj, ĉar la poŝtmarkoj de unu monato al alia pli multekostiĝas. Oni skribu al: Josef Kolnhofer, Wien, XIII., Zehetnergasse 37.

Mi deziras korespondadi pri politikaj demandoj kun ĉiulandaj gvidantaj anoj de la katolikaj partioj aŭ aspirantoj ilin. Dro Fritz Stricker, Münster, Westfalen, Marienthal, Germanujo. Membro de la germana „Centrum“-partio-komitato.

J. Tchý, kateĥisto en Ĉes. Brod, Ĉeĥoslov. deziras korespondadi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn (laŭ katalogo Senf 1921) kun pastroj (aŭ laikoj el Bavarujo, Hungarujo, Latvujo kaj Polujo).

Nacia komitato de „Moka“ en Ĉeĥoslovakujo petas humile kat. ajn esperantistojn, ke ili donacu al ĝia ĵus fondita interŝanĝa biblioteko jam formetitajn Esperanto-gazetojn, libretojn, broŝurojn ktp. Koran „Dio repagu“! al ĉiuj, kiuj kunhelpos, esprimas Ant. Bárta, landa del. de Moka en Proseč ap. Skuč, Ĉeĥoslovakujo.

Mi deziras korespondadi kun seminarianoj de la tuta mondo. Joan Font Giralt, stud. teol., Ĉefdelegito de Moka. Seminario. Girona (Hisp.-Katalunujo).

30 seminarianoj esperantistoj deziras korespondadi, kaj interŝanĝi poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn. Skribu al: Studenta Juneco, Seminario, Girona (Hisp.-Katalunujo).

Sro J. Bernhard, München 12, Guldeinstraße 32/s R. — deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn (prefere preĝejoj, monumentoj) bfl. Poŝtmarkojn (mi ne sendas kiel komencanto) kun la tuta mondo.

Sro Jos. Engst, „Gothia“, Erlangen, Bavarujo, interŝanĝas Esp. gazetojn, Esp. Sigelmarkojn, kaj poŝtmarkojn kun ĉiuj landanoj precipe novŝtataj.

Fino Lili Jakner, Cluj, Romanio, Str. Hegedüs 1, deziras korespondadi kun samkredanoj el ĉiuj landoj per leteroj kaj poŝtkartoj ilustritaj rilataj la lokan vivon katolikan.

Mi deziras korespondadi kun samideanoj tutmondaj pri ĝeneralaj temoj ekleziaj. Mi interŝanĝas ankaŭ ilustritajn poŝtkartojn (precipe de preĝejoj) kaj poŝtmarkojn. Aleksandro Barasits, helpopastro en Zalabér, Hungario.

Dro August Hloucha, Wien, XVIII., Semperstraße 36, deziras korespondadi pri kontraŭalkohola kaj kontraŭtabaka movado ĉe la katolikoj tutmondaj kaj pri ties internacia organizo.

Sro Wenzel Wagner, kalkulisto en Ladowitz, Ĉeĥoslovakujo serĉas amikon, kiu estas bona Esperantisto kaj havos la afablecon, kun li korespondadi kaj atentigi lin je gramatikaj eraroj, ĉar li antaŭ ne longe lernis Esperanton.

Sro Walter Mudrack, Wien, XV., Gebrüder Lang-Gasse 7, Aŭstrujo, deziras korespondadi pri mondpaco en Esperanto, germana kaj ĉeĥa lingvoj.

Sro Józef Zakszewski, Czestochowa, „Czestochowianka“ Polska deziras interŝanĝi postmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant[in]oj de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj ilustritaj. Sro August Goreck en Perleberg, Westfalen. Germanujo.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun eksterlandaj samideanoj, precipe kun kolektantoj de poŝtmarkoj. Dro iur. Otto Müller in Ludwigsburg, Schloß, Württemberg, Germanujo.

Hanns Sappl, prof. de Esperanto, ĉefsekretario de Moka, Graz (Aŭstrujo), Karmeliterplatz 5, deziras korespondi pri katolika junula kaj Esperanto-movado tutmonda.

Aŭstrujano, kiu en Nederlando okupadon trovis kaj nenian vojaĝmonon posedas, petas bonfaremulojn je subteno per eksterlanda valuto. Mono estu bonvole sendota al Sr. Theresia, Wien, I., Kleeblattgasse 7/II.

## ? Kioma estas la abonprezo por K. M. ?

K. M. aperas en kolektoj po 10 numeroj. Jen la prezo por kolekto de 10 numeroj, kies livero estas garantiita de la eldonejo: Anglujo, Hispanujo, Svisujo kaj samvalutaj ŝtatoj 4 ŝl., pes., fr. ktp., Nederlando kaj Brazilo 2 fl., 2 mrs., Usono 1 dol., Belgujo, Francujo kaj samvalutaj ŝtatoj 5 fr., Italujo, Jugoslavujo 6 l., d., Germanujo kaj Baltiko 10 g. mk. Litovujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Bulgarujo 10 kr. ĉ., lev. ktp. Aŭstrujo, Hungarujo, Polujo 100 kr. aŭstr., hung., p. mk. ktp.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni poŝtulu postpagilojn de l'eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**NB. Oni ne pagu per poŝtavizoj!**

Ĉar la Paŭlus-eldonejo posedas multe da poŝtpagiloj por Germanujo kun malnova titulo „Verlag Volksheil“, estas nia oficiala adreso ĉe nia poŝtĉekkonto en Germanujo **„Verlag Volksheil Nr. 26.195 Karlsruhe“** ĝis kiam estos presigitaj novaj poŝtpagiloj kun nova titolo.

## !! Atentu !!

**Ĉiu nuna abonintо de K. M.** sendu la bildon de preĝejo de sia loĝloko por propaganda celo. Mi sendos interŝanĝe la bildon de mia preĝejo.

Ĉiu bonvolu aldoni la profesion kaj la daton de sia naskiĝo por fine publikigota, jam ĝis nun spertita interesa fakto.

Adreso: **Karlo Kellner, Rumanio, Cluj, Str. Universitato 10.**



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria“, Graz.